# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

Redaktas: Paulo Sergio Viana, oktobro 2007

psviana@terra.com.br

## ALIA GRAVA PERDO: FORPASIS MAJORO SILVA VELHO

Foto: Alcir Guedes

Alia grava samideano forpasis. La 5-an de oktobro mortis la veterano, kiu longe batalis por nia afero. Dum multaj jardekoj, Gilberto S. Velho ĉeestis niajn renkontojn, kongresojn, seminariojn kaj estis konstanta membro de BEL. Sola, en sia urbo Caçapava, kun la fidela helpo de la edzino Gilka, li kolektis valoran materialon pri la historio de Esperanto en Brazilo. Per siaj personaj rimedoj li eldonis kaj disdonis dum longa tempo riĉenhavan bultenon "Esperanto-notícias". Li estis jam pli ol 90-jaraĝa, kiam antaŭ kelkaj monatoj ni vidis lin ankoraŭ en renkontoj en la Paraíba Valo. Pli da similaj ekzemploj de fideleco ni bezonas en nia movado. Dankon, kara kaj respektinda Silva Velho!

## ESPERANTO EN BRAZILAJ LIBROFOIROJ

*En la 13-a Internacia Librofoiro en Rio, nome grava kaj monde konata evento, Esperanto havis standon. En la 19-a de septembro, ĉe la Blua Pavilono, estis lanĉita la dulingva verko "Poesias Escolhidas do Brazila Esperanta Parnaso". Organizis kaj redaktis la belan antologion Neide Barros Rego kaj Sylla Chaves. Ĝi konsistas el 150 poemoj el ĉiuj brazilaj ŝtatoj. Impona verko: ĉu vi jam mendis vian ekzempleron? Informoj pri mendo ĉe la retpaĝaro de Asocio Esperantista de Rio de Janeiro.

*En Brasília, okaze de la 26-a Librofoiro, same staris Esperantostando, de la 31-a de aŭgusto ĝis la 9-a de septembro. Pli ol 500000 homoj vizitis la foiron kaj pli ol 50 geesperantistoj helpis por la sukceso de la iniciato, kiun aŭspiciis Brazila Esperanto-ligo kaj Taguatinga Esperanto-Klubo. Pli ol 1000 faldfolioj estis disdonitaj al interesitoj, kaj sufiĉe multe da libroj venditaj. Rezulte, venis de la urbo Formosa/ŝtato Goiás invito por starigo de kurso de Esperanto. Prezentiĝis interesitoj por nova klaso de Esperanto ĉe Esperanto-Asocio de Brasília.

## DUA KONGRESO DE EASP – AŬDACA INICIATO

Foto: Paulo Sergio Viana

En la simpatia urbo Ribeirão Preto, de la 12-a ĝis la 14-a de oktobro, riĉprograma evento de EASP montras denove, ke ĝi okupas elstaran lokon en la Brazila movado. Altnivelaj prelegantoj kaj bona organizo karakterizas la iniciaton. Ni plian materialon legu en "La Lampiro" – la revuo de EASP. Gratulon!

## ESPERANTO EN BRAZILAJ UNIVERSITATOJ

*Sub la kunordigo de Prof-o D-ro Herbert Andreas Welker kaj instruado fare de Prof-o Paulo Nascentes, malfermiĝis kurso de Esperantologio en Universitato de Brasília.

*En Duque de Caxias/ŝtato Rio de Janeiro, ĉe UNIGRANRIO, malfermiĝis neoficiala "Kurso Zamenhof", kiel parto de "Projeto Integrar-Universidade da 3ª Idade", sub gvido de la loka aktivulo Daniel Peliz.

### FALECE O MAJOR SILVA VELHO

Em 05 de outubro faleceu o veterano e ativo Esperantista Major Gilberto Silva Velho. Durante décadas, na cidade de Caçapava/SP, trabalhou sem cessar pelo ideal, publicando e distribuindo por sua conta o conhecido boletim "Esperanto-Notícias", tendo acumulado grande acervo de dados sobre o movimento Esperantista brasileiro. Sua esposa Gilka, generosamente, o apoiou nesse admirável trabalho.

### ESPERANTO EM FEIRAS DE LIVRO

Na 13ª Bienal do Livro, no Rio de Janeiro, em 19 de setembro, em estande próprio, lançado o livro "Poesias Escolhidas do Brazila Esperanto-Parnaso", com 150 poemas de todos os estados brasileiros. Organização de Neide B. Rego e Sylla Chaves. Encomendas no sítio da Associação Esperantista do Rio de Janeiro.

Em Brasília, na 26-a Feira do Livro, funcionou um estande de Esperanto, com equipe de 50 Esperantistas e distribuição de 1000 folhetos aos visitantes. Cursos de Esperanto foram abertos como consequência do evento. Iniciativa da Liga Brasileira de Esperanto e Clube de Esperanto de Taguatinga .

### 2º CONGRESSO DA ASSOCIAÇÃO PAULISTA DE ESPERANTO

Em Ribeirão Preto / SP, de 12 a 14 de outubro, com rica programação e ótima organização. Acesse o sítio na Internet e leia a revista "La Lampiro", da EASP.

### ESPERANTO EM UNIVERSIDADES

Aberto curso de Esperantologia na UnB, sob coordenação do Prof. Dr. Herbert A Welker e ministrado pelo Prof. Paulo Nascentes. Em Duque de Caxias/RJ, na UNIGRANRIO, aberto curso de Esperanto pelo "Projeto Integrar-Universidade da 3ª Idade", sob orientação do Esperantista Daniel Peliz.

"BEL-KONFERENCOJ" OKAZOS EN LORENA / SP, LA 3-an KAJ 4-an DE FEBRUARO 2008. ĈU VI INTENCAS ĈEESTI? DO, INFORMU AL NI TION !

**BEL 100-jara!**

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

Redaktas: Paulo Sergio Viana, oktobro 2007

psviana@terra.com.br

## RELIGIULOJ UZAS ESPERANTON

* De Vitor Luiz (vicxjo@gmail.com) ni ricevis la jenan mesaĝon: "Saluton karaj samideanoj ! Mi anoncas al vi, ke mi ĵus kreis novan grupon "Brazilaj Katolikaj Esperantistoj", http://groups.google.com/group/br-kat-eo, kies celo estas unuigi la katolikajn esperantistojn en Brazilo aŭ portugal-lingvaj landoj, fortikigante la Esperanto-movadon inter la katolikoj, kaj pridiskuti la katolikan Esperanto-movadon.
  Do, oni povas skribi mesaĝojn per Esperanto (prefere) aŭ la portugala lingvo (se iu ankoraŭ ne regas Esperanton sufiĉe bone).
  Ankaŭ alilandanoj rajtas eniri. Antaŭ ol eniri, vi bonvole rakontu iom pri vi mem por ke vi estu akceptata (tio evitas spamon).
  Bonvole disvastigu tiun grupon, kiu eble estos alia ilo por ke la Eo-movado inter katolikoj kresku! Ĉiuj povos uzi la plejsuban mesaĝon por inviti novajn membrojn.
  Frate en Kristo,Vitor Luiz – administranto: www.vitorluiz.cjb.net."
* De la 7-a ĝis la 9-a de septembro, okazis en Uberlândia/ŝtato Minas Gerais, la 2-a Brazila Renkontiĝo de Esperantistoj Spiritistaj, kun enskribiĝo de 110 homoj kaj partopreno de la pola pedagogo Przemyslaw Grazibowski. Okazis prelegoj, debatoj, prezento de korusa kanto kaj teatro. Oni programis la proksiman BRES por Brasília, en 2008.

## LOKAJ MOVADANOJ AGADAS

El pluraj lokoj el Brazilo ni ricevas informojn pri agado por nia lingvo. Sendu ankaú vi raportojn pri viaj iniciatoj:

* El Aracaju/ŝtato Sergipe, venas informo pri reapero de la bulteno "La Fenikso", kiu proponoj por "la tuta metropola regiono". Kontaktu per esperantoemaracaju@googlegroups.com.
* En ŝt. Minas Gerais okazas pluraj regionaj renkontoj: "MIRECO" (en la entro-okcidenta regiono), "SUMIRE" (regiono de "Vale do Aço"), "ZOMAER" (regiono "Zona da Mata"). Eventoj riĉenhavaj kaj imitindaj.
* En Natal/ŝt. Rio Grande do Norte, je la 28-a de septembro, Esperantistoj celebris 67-an jubileon de la ŝtata asocio.
* En Florianópolis/ŝt. Santa Catarina, en septembro, oni starigis konversacian rondon ĉe la Universitato. La kunsidoj okazos dufoje monate.
* El Barra do Garças/ŝt. Mato Grosso, Amarílio Carvalho, la fama produktanto de ĉemizoj "je prezo de banano", anoncas per bela faldfolio novajn varojn, inkluzive kun desegnaĵoj pri la proksima Brazila Kongreso en Fortaleza. Mendu per www.araguaia.net/amarilio .
* El Feira de Santana, ŝt. Bahia, Samideano Juarez de Oliveira Suzarte salutas kaj entuziasme aŭguras bonan sorton al BEL. Koran dankon! Kontaktu lin per josuzarte@qd.com.br

## AGOTAGO EN BRAZILO

Post alvoko de la Ĉef-Delegito de UEA en Brazilo, James Píton, pluraj grupoj en nia lando aktivis por la tradicia "Ago-tago" por Esperanto – la 6-a de oktobro. Ni ricevis raportojn el Rio (plurloke en la urbo!), Niterói, São João do Meriti, Lorena, Guaratinguetá. Certe en pluraj aliaj ĝi okazis. Jen apoginda ideo!

## RELIGIOSOS USAM O ESPERANTO

Vitor Luiz (vicxjo@gmail.com) anuncia a criação do grupo " Esperantistas Católicos Brasileiros" na internet. Pode-se participar usando Esperanto ou Português: http://groups.google.com/group/br-kat-eo.

Solicitamos divulgação.

## ATIVISTAS DO ESPERANTO

* De Aracaju / SE, recebemos a notícia do resurgimento do boletim "La Fenikso", com informes da região.
* Em Minas Gerais, três encontros esperantistas regionais estão acontecendo, regularmente.
* Em Natal / RN , em 28 de setembro, comemorou-se o 67Ĵ aniversário da associação estadual.
* Em Florianópolis / SC, criado grupo de conversação na Universidade local.
* De Barra do Garças, o conhecido Esperantista e produtor de camisetas de propaganda do Esperanto, Amarílio Carvalho, envia novo catálogo.
* De Feira de Santana, Juarez de Oliveira saúda fraternalmente os coidealistas.
* De 7 a 9 de setembro aconteceu em Uberlândia / MG o 2º Encontro de Espíritas Esperantistas, com 110 participantes e a presença do pedagogo polonês Przemyslaw Grazibowski. O próximo encontro será em Brasília, em 2008.

## "DIA DE AÇÃO" PELO ESPERANTO

Em resposta ao Delegado-Chefe da UEA no Brasil, James Piton, recebemos notícias de manifestações em 6 de outubro no Rio, Niterói, S. João do Meriti, Lorena, Guaratinguetá.

A "BEL-CONFÊRENCIAS" VAI ACONTECER EM LORENA / SP, EM 3 E 4 DE FEVEREIRO DE 2008 !

**Envie suas notícias. Nós somos a BEL !**